# Boletín

BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

Aperanta de 1949

**Hispana Esperanto-Federacio**
Rodriguez San Pedro 13-3º-7
Es-28015 Madrid
Tel.+faksilo: +34-(9)1-446-80-79
esperanto@canaldinamic.es





*Kovrilo*: Urbaj kaj universitataj aŭtoritatoj prezidas kun D-ro Selten kaj Wells la prezenton de la P.I.E.S.

*Noto*: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la autoroj mem.

**Enhavo**

Prezento de la projekto

# Internaciaj Preuniversitataj Somerkursoj per Esperanto

Instituto de Idiomas. Curso de Esperanto
Av. de Castelao, s/n-ro
*E-15705. Santiago de Compostela (Hispanio)*

La projekto nur estis en la menso de la prezidanto de HEF, Antonio Alonso. Dum pluraj jaroj, ni, liaj kunlaborantoj, aŭskultis lin zorge aldoni plian ideon, poluri la figuron de la projekto en la organizado de tiuj pli revataj ol realaj "*Internaciaj Preuniversitataj Somerkursoj per Esperanto*" kiujn li de antaŭ longe celis.

Kaj, fine, venis la adekvata momento por la prezento de la projekto en la Universitato de Santiago de Compostela (Galegio, Hispanio):

(1.1) Iaspecan prologon al la dirita prezento konsistigis jenaj du eroj:

—En dato 01.07.96, Prof. Reinhard Selten, Nobel-premio 1994 pri ekonomiko, publike prelegis en Esperanto pri «Ludoteorio: Ilo por solvado de konfliktoj».

Tiu prelego okazis en la plej grava kultura fondaĵo galega, nome "*Fundación Pedro Barrié de la Maza, Grafo de Fenosa*", en la urbo La Coruña (pr. "lakorunja). La simultanan tradukon de ĝi en la kastilian (=antonomazie 'hispanan') faris Antonio Alonso.

Rimarkindas, ke tiu prelego estis ankaŭe publika prologo al internacia faka kongreso pri "Ludoteorio kaj Politiko" en Santiago (en kiu la angla estis la laborlingvo).

—En dato 03.07.96, Prof. John Wells, de la Londona Universitato kaj eksprezidanto de UEA, prezentis referaĵon "Esperanto, ĉu ŝerco aŭ serioza opcio?", kadre de Internacia Kongreso en Santiago «La Universitato en la Babelturo. Multlingvismo kaj Universitato», en kiu partoprenis elstaraj fakuloj el tre diversaj landoj, kun oficialaj laborlingvoj: la angla, galega kaj kastilia. La referaĵo de Wells okazis en la angla plus kelkaj minutoj en Esperanto.

(1.2) Per tiuj prelegoj Esperanto unuafoje sin prezentis antaŭ la galegaj socio kaj institucioj kiel lingvon plene funkciantan kaj adekvatan por plej altnivelaj kulturaj

taskoj, kun uzantoj el plej alta akademia rango, kaj fine sed ne laste, kiel lingvon rigore science kaj tre imprese pripledatan en la areopaga, dua citita kongreso. (Pri tio ĉi lasta ni informos adekvate kiam publikigite aperos la koncernaj protokoloj).

Kompreneble, tiaj prelegoj multe helpis al la sukceso de la tuja prezento de K+E, ĉar tiele la projekto simple montriĝis al niaj institucioj, socio, ĵurnaloj ks. estiel nura logika sekvaĵo de tiu altkvalita prologo.

(2) En dato 04.07.96 okazis la prezento de K+E, kun laborlingvoj galega, kastilia kaj Esperanto kun simultana traduko inter ili (fare deHEF-anoj Marcos Cruz kaj Antonio Valén, por kio ni disponis la adelvatajn teknikajn rimedojn). Ni disponis kaj uzis ankaŭ ĉiaspecajn aparatojn por projekciado, kaj de la tuto ni faris videobendon, kiun ni oportune prezentos publike.

(2.1) Lic. Antonio Alonso, instruisto de la libervola Esperanto-kurso en la Santiaga Universitato, prezidanto de Hispana Esperanto-Federacio kaj kunor-diganto de la projekto, skizis jene pri K+E:

—La kompleta plano aperas laŭ paralelaj kolonoj en E kaj en la hispana en informiloj n-ro 1 kaj 2 eldonitaj en la jaro 1991 (kun, entute, 14 paĝoj de grando DIN A4).

—La unua ero de la projekto estas la verkado en E de studkajeroj specifaj por la projekto fare de internacia profesoraro universitata, kaj eldonado de la kajeroj, tial konsistigontaj bibliotekon de preuniversitata nivelo.

—internacia profesoraro instruos en klasĉambroj.

—internacia lernantaro partoprenos la kursojn en klasĉambroj, kaj krome partoprenos ankaŭ en paralelaj kulturaj agadoj, tute analoge al la ceteraj kaj multaj somerkursoj ekzistantaj pri plej diversaj aferoj.

Tiu partopreno estu duobla premio al la gelernantoj pro iliaj ĝistiamaj studoj pri E, ĉar unuflanke ili konsistigos vere internacian kunvivadon universitatan, kaj krome ricevos utilon de E por siaj tujaj studoj universitataj.

—Por financado oni devas distingi inter la komenca kaj la posta tempoj: Komence, oni kolektos malgrandajn kontribuojn el kiel eble plej granda nombro da institucioj kaj mecenatoj, tiel uzantaj kiel neuzantaj Esperanton. Poste, la evoluo mem de la projekto portos jen al gardado de tiu financadomaniero, jen al iu alia pli simpla tamen principe pli malfacile atingebla (ja sub supozo, ke la sperto ne trudos malaperon de la projekto).

—La komenca strukturo de la projekto estas ĝis maksimumo fleksebla kaj ŝanĝebla laŭ la sperto akirota.

—Oni esploros pri adekvata diplomado, principe kun internacia valoro.

—La tuta projekto estas kultura agado sen profita celo, daŭre restanta sub gvidado, kontrolo kaj eventuala modifado de la Universitato de Santiago de Compostela kaj de tiuj institucioj kaj personoj kiuj pretos al la koncerna kunlaborado.

—La unua okazigo de la vivaj kursoj okazos de 15a julio ĝis 15a aŭgusto de 1997, en tiu ĉi universitato.

—Tuj eliros cirkuleroj al diversaj institucioj kaj asocioj, tiel de E-uzantoj kiel aliaj, por bona kaj akurata muntado de tiu unua eldono, ankaŭ kun informo pri instruprogramo kaj profesoraro de la unua kursosesio, kostoj k.a.

—Oni studos kaj klopodos pri eventuala sinergia kunligo de tiu ĉi projekto al aliaj kulturaj agadoj pere de E, kiel ekzemple al tiu de la Akademio Internacia de la Sciencoj, al tiu de la Laboratorio de Eksperimenta Pedagogio de la Tria Roma Universitato, kaj al tiu de la Ĉina Akademio de Sciencoj.




(2.2) La oficialan prezenton kaj alvokon al la projekto kaj al ĝia unua sesio en 1997 faris jenaj du aŭtoritatoj:

—Vicrektoro pri Kultura Disvastigo, Prof. Dro J.M. Rivera, nome de la rektoro Prof. Dro Dario Villanueva kaj en propra nomo, publike informis pri la oficiala akcepto de la projekto fare de la Universitato de Santiago de Compostela laŭ la principa aranĝo prezentita en la cirkuleroj de 1991, do sub supozo, ke fakte doniĝos la internacia kunlaborado kaj kunhelpado cititaj en tiuj cirkulaeroj, kiel ankaŭ en la diversaj leteroj apogaj al la projekto ekde tiam ricevitaj.

Ke la kaŭzo de tiu akcepto estas la evidenta kultura kaj kleriga valoro de la projekto, se ĝi efektive realiĝos.

Ke tiel pri la prelegoj de profesoroj Selten kaj Wells, kiel pri tiu ĉi oficiala prezento kaj pri la unua jam eldonita verko por la Kursoj (pri kio temos poste), jen diversaj galegaj institucioj oficiale kaj finance apogas la starton de la projekto, kaj tial petas nun pri analoga apogo fare de ĉiuj institucioj kaj personoj al kiuj la projekto povas rilati aŭ montriĝi grava kaj interesa. (Fakte, la prezentosoleno prezidis de surmure la afiŝo kun teksto "Gallaecia fulget" (latine, "Galegio brilas"), ĉerpita el la fondoteksto de tiu ĉi universitato antaŭ 500 jaroj, kaj kiu estas la oficiala insigno per kiu nun estas festata tiu fondado).

Do, li publike oficiale alvokas al partopreno, laŭ la teksto de la baldaŭaj cirkuleroj.

—Vicurbestrino Prof. D-rino Mar Bernal, nome de la urbestro D-ro Arĥ. Xerardo Estévez kaj de lia konsilanto pri kulturo Prof. D-ro J. Rio, konfirmis la vortojn de Prof. Rivera en tio rilata al la urbestraro, kaj aldonis ke tiu ĉi restos en daŭra kontakto kun la universitato por scii pri la fakta evoluo de la projekto, tiel ke *se tiu evoluo montriĝos adekvate altnivela,* ĝi eniros la oficialan programon kiun la urbo Santiago de Compostela proponos por la jaro 2000 (ĉar Santiago estas unu el la naŭ eŭropaj kulturĉefurboj por tiu jaro).

(2.3) Jenaj personoj dankis kaj gratulis la galegajn instituciojn pro ilia iniciato, kaj oficiale ricevis la inviton kiun pere de ili la universitato kaj urbestraro faras al la respektivaj institucioj, jene:

Prof. Reinhard Selten (Akademio Internacia de la Sciencoj, San Marino), Prof. John Wells (Universala Esperanto Asocio), Inĝ. Gonçalo Neves (Akademio de Esperanto kaj Portugala Esperanto-Asocio), Lic. Anto-nio Alonso (Hispana Esperanto-Federacio).

(2-4) Antonio Alonso legis aŭ citis el la diversaj apogleteroj ricevitaj:

—Hispana Ministerio pri Edukado kaj Kulturo. (Pri kio temas en aparta, tujsekva paĝo).



—Prof. D-rino Carmen Morenilla, Dekano de la Filologia Fakultato de la Universitato de Valencia (kiu en la pasinta jaro estigis E-kurson kun oficiala valoro de 2 t.n. "kreditoj", kaj kiu krome enkondukos sistemajn E-studojn en sian nun fondatan "Centro por Lingvoj").

La dekaninon reprezentis Lic. Augusto Casquero, profesoro de la dirita E-kurso, kaj li krome prezentis ekzempleron de la oficiala 2-kredita diplomo liverata de tiu universitato al sukcesintoj en la E-kurso.

—Akademio Internacia de la Sciencoj, Universala E-Asocio, Flandra E-Ligo, Itala E-Federacio.

—Eŭrodeputito d-ro Gerardo Fernández Albor, kaj profesoroj J. Casado (Hispanio), H.Frank (Germanio), H. Tomkin (Usono), I. Jackson (Britio), G. Silfer (Svisio), W. Bormann (Germanio), H.D. Quednau (Germanio), R. Corsetti (Italio).

(2.5) Tiun ĉi unuan parton de la prezento kronis komuna tosto al la sukceso de la projekto, kun regala kafopaŭzo.

(3) La programo antaŭvidis prelegon en E fare de OProf. D-ro Helmar Frank (Universitato de Paderborn, Germanio), *tiel pri liaj esploroj rilataj al E. kiel pri la* celoj kaj funkciado de la Akademio Internacia de la Sciencoj, sed bedaŭrinde li ne povis veni pro malsano (feliĉe jam intertempe venkita).

Ni esperas prezenti en proksima numero de *Boletín* almenaŭ iujn grafikojn de Prof. Frank, tiel pri la relativa lernofacileco de E. kompare al aliaj lingvoj, kiel ankaŭ pri la propedeŭtika valoro de E. por posta lernado de pliaj fremdaj lingvoj.

(4) Sekvis prezento de la unuaj studkajeroj uzotaj aŭ uzeblaj por K+E:

(4.1) La kvar unuaj kajeroj specife verkitaj por la projekto, ĉiuj far hispanaj aŭtoroj:

—Inĝ. Miguel Fernández Martín (Madrid): *Sur la spuroj de Federico Garcia Lorca.* Temas pri 100-paĝa eseo, plus pliaj 20 paĝoj kun albumo 40-fota, kiu estos enkonduko al la studo en K+E de la verkoj de F. Garcia Lorca jam publikigitaj en E.

La libro estas jam eldonita en la Universitato de Santiago mem, sub ties oficiala sigelo, en eldonkvanto de 500 ekzempleroj, estiel unua paŝo al la kolekto citita en (2.1). Tamen, ĝi estos distribuata nur ĉe la baldaŭa apero de komplementa sonkasedo, en kiu la aŭtoro legas, recitas kaj kantas difini-tajn partojn kaj hispanajn kanzonojn el sia libro.


Rafaela Urueña

—Prof. D-rino Rafaela Urueña Álvarez (Valladolid): *ABC de la Eŭropa Komunumo. Enkonduko en la Eŭropan Juron.* Jam prespreta, post reviziado de D-ro Brian R. Moon, tradukisto ĉe la Eŭropa Tribunalo de Luksemburgo, kaj de D-ro André Ruysschchaert, juristo ĉe tiu Tribunalo.

—Lic.doktoriĝanto David Galadi (Barcelona): *Elementa Kurso Praktika pri Astronomio.* Jam finita, nun iranta al reviziado de Prof. D-ro H.M.Maitzen (Aŭstrio) kaj Prof. D-ro Amri Wandel (Israelo).

—Lic.Antonio Alonso (Santiago de Compostela), emerita statistikisto: *Elementaj statistikaj kalkuloj en oficejo.* Nun sub lasta redakto far la aŭtoro, kaj baldaŭ ironta al reviziado fare de Prof. D-ro H.D. Quednau (Germanio).

—Pluraj aliaj verkoj estas proponitaj: Komputiko, Nodoj kaj teksaĵoj, Filozofio, Logiko, Historia evoluo de la geometria koncepto "paraleleco", Poetiko, k.a.

(4.2) Pluraj verkoj jam ekzistantaj havas strukturon kaj amplekson tute adekvatan por K+E:

—J.Wells: *Lingvistikaj aspektoj de Esperanto.*

—R.Selten kaj J. Pool: *Ĉu mi lernu Esperanton? Enkonduko en la Teorion de Lingvaj Ludoj.*

—E.Dudich: *Ĉu vi konas la Teron? Enkonduko en geologion.*

—H.Gonin: *Instrumondo.* (Temas pri studkajero pri tre diversaj popolmuzikiloj el la tuta mondo, kaj samtempe katalogo pri la privata muzikilkolekto de la aŭtoro -kiun li ofte prezentas ekspozicie por vidado kaj aŭdado).

—W. Bormann: *Entreprenistaj strategioj. Priskribo de la entrepreno.*

—E.Privat: *Esprimo de sentoj en Esperanto.*



—L.Qiang: *Pri nia universo.*

—*Manlibro pri ĝenerala, organika kaj biologia kemio*, far teamo de ĥemiistoj. (Temas pri kajero kun ekzercoj kaj problemoj, plus la koncernaj solvoj)

—Kaj pluraj aliaj.

(5) Okazis dua kafopaŭzo.

(6) En la salono okazis samtempe ekspozicieto pri libroj tradukitaj en Esperanton el la hispana, aŭ originale verkitaj de hispanaj aŭtoroj.

La vicrektoro kaj vicurbestrino cititaj en (2.2) ricevis donace plurajn ekzemplerojn de *La inĝenia hidalgo don Quijote de la Mancha* kaj de *Lirikaj perloj de Al-Andalus.*

(7) Kompletige al ĉio ĝis nun priparolita, la lasta parto de la prezento plene sukcesis en siaj du komplementaj celoj: Montri al la akademia mondo kaj al la ĝenerala socio la forte pulsantan vivon de Esperanto (fakto pri kiu en tiu mondo oni ĝenerale apenaŭ ion suspektas, des malpli scias), kaj pruvi al niaj valoroj (speciale al tiuj junaj, feliĉe abundaj en la E-movado, kaj speciale en Iberio) ke la akademia mondo ne povos plu sin teni aparta de Esperanto, se nur ili decide alpaŝos al vivado en tiu mondo, ĉar la homa kaj kultura kapi-talo kiun la E-uzantaro konsistigas devas kaj rajtas plene partopreni en ĝi:

—Gonçalo Neves deklamis sian tradukon de la fama poemo *Tabacaria* (=Tabakistejo) de la portugalo Pessoa. La prezento pliriĉiĝis per la mimo Franco Simoes reprezentanta Pessoa-n, kaj la knabineto Sara Neves en la rolo de la infanino manĝanta ĉokoladon.

—Miguel Fernández parolis pri la naskiĝo kaj celo de sia *Sur la spuroj de Federico Garcia Lorca*, kaj propravoĉe prezentis du erojn el la nun muntata sonkasedo akompanonta tiun verkon, nome, deklamis sian tradukon de la Lorca-a

*Funebra kanto por Ignacio Sánchez Mejías*, kaj kantis la *Baladeto pri la tri riveroj*, unu el la hispanaj popolkanzonoj kolektitaj kaj harmonizitaj de Lorca.

—Ana Manero deklamis la tradukon kiun Antonio Alonso faris de *Danco de luno Santiaga*, unu el la famaj *Ses galegaj poemoj* de Federico Garcia Lorca.

—Iñaki Gauna deklamis la tradukon faritan de Antonio Valén de la fama eŭska poemo *Mi defendos la domon de la patro*.

—Antonio Alonso deklamis unu el la *Sesdek amkantoj* de la mez-epoka valencia poeto Ausiás March, kiujn Abel Montagut tradukis en Esperanton kaj jam publikigis. (Montagut ne povis ĉeesti pro pofesiaj devoj, sed ja tre deziris ĉeesti).

—Antonio Marco, aŭtoro de la tre riĉe komentita antologio *Lirikaj perloj de Al-Andalus* kaj tradukinto de la poemoj tie troviĝantaj, regalis nin per prezento de belega poemo de la valenciano Ibn Jafayya, de amokanto de la bela kordovanino Wallada kaj de spirite delikata poemo de Ibn Arabi. (Al-Andalus estas la mezepoka araba nomo por Hispanio. Laŭlonge de ok jarcen-toj la araboj regis en la plejparto de Iberio, speciale en la sudo, kaj tie floris mirinde altnivela kulturo, en kiu kunvivis la religioj islama, hebrea kaj kristana. La antologio de Marco rilatas al la araba kaj hebrea poezioj, kaj la libro, reeldonita de la kultura institucio "Fernando el Católico" de la Zaragoza Provinca Deputitejo estis disdonita al ĉiuj Esperanto-akademianoj kaj E-universitataj profesoroj.

—Jorge Camacho reprezentiĝis per sia originala poemo *Ĉies...*, kiun deklamis Antonio Valén.

(Ankaŭ pro profesia kialo kaj egale bedaŭre, Camacho ne povis ĉeesti la prezenton)

—Miguel Gutiérrez (ofte uzinta la pseŭdonimon "Liven Dek"), aŭtoro kaj eldonisto en E, legis al ni fragmenton de nova novelo sia, kun titolo *Marta kaj Maria*.

—-Gonçalo Neves deklamis la unuajn strofojn de la epopeo *Poemo de Utnoa*, kiun Abel Montagut verkis originale en Esperanto kaj publikigis en 1993. (Tiu epopeo konsistas el 7.095 aleksandridaj versoj).

—Por krono detiu ĉi elmontro de nia forto, Antonio Valén, leksiko-grafo kunlaboranto de Fernando de Diego, unue skizis por la akademia mondo pri la elstara figuro de de Diego (tradukinto jam publikiginta multajn verkojn el la hispana beletro, eseisto, leksikografo) kaj krome prezentis la *diskedojn kaj printitan ekzempleron de la jam prespreta* nova verko de de Diego, nome, la *Granda vortaro hispana-esperanta*, kun preskaŭ 50.000 kapvortoj kaj riĉega frazeologio!

(8) Ni jene finu tiun ĉi informon pri la oficiala kaj publika prezento de la projekto K+E: -Profesoroj Selten kaj Wells esprimis sian kontenton pri la tuta aranĝo, ankaŭ sian opinion ke la tuta plano estas bone muntita kaj sekvas bonan strategion, kaj sian konvinkon ke la abundo de junaj fortoj en (7) estas brile esperiga por la E-movado ĝenerale, kaj tute speciale en Iberio.

—Vicrektoro Rivera eldiris sian admiron al la laboro jam farita kaj de li tute nesuspektata ĝis tiam: Ke la ekzisto en E de *Don Quijote*, la granda vortaro de Diego, tiom da libroj originalaj kaj tradukitaj, tiom da elstaraj kaj da ordinaraj lingvouzantoj, la rimarkinda nombro de junaj valoroj, la prele-goj de Selten kaj Wells, la 2-kredita aranĝo valencia, la rezolucioj de UNESKO pri Esperanto, la skribaĵo de la Hispana Edukministerio, la pers-pektivoj malfermitaj de la projekto K+E, ktp., klare montras, ke doniĝas granda probablo, ke per principa akcepto de K+E la universitato faris saĝan kaj socie utilan decidon, ankaŭ ke ĝi devas tuj studi munti ankaŭ tie ĉi kreditsistemon analogan al tiu de Valencia, k.a.

—La ĵurnalaro, radio kaj televido abunde informis pri la tuto, kaj jam sen la kutimaj pli-malpli klaraj kondiĉoj kaj rezervoj, sciigis kaj agnoskis ke "La institucioj oficiale aprobas kaj apogas agadon por esperanto kaj studadon kaj uzadon de ĝi".

—Multaj galegaj civitanoj unuafoje aŭdis pri E, aliaj unuafoje aŭdis laŭde kaj serioze el akademiaj kaj informaj medioj, multaj unuafoje serioze debatis pri ĝi (pri kio jam ekzistas pluraj personaj informoj, tute speciale kaj plej grave kaj kun pozitivaj rezultoj tiuj venantaj de partoprenintoj en la kongreso pri «Babelo kaj Universitato»).

—Kaj jen la opinio de la kunordiganto:

La institucioj galegaj jen jus faris la unuan kaj plej malfacilan paŝon favore al la projekto, tiel laŭ institucia vidpunkto, kiel financa.

La dua paŝo estas nun farenda de la uzantaro de Esperanto (pri kio, kiel jam dirite, baldaŭ eliros adekvataj cirkuleroj).

Do, ni ĉiuj faru nian eblon, tiel ke tiu dua paŝo estu same sukcesa kiel la unua, tiel ke postaj, kaj ĉiukaze pli gravaj kaj decidaj paŝoj estu fareblaj kaj farataj al ĉiam pli ambiciaj taskoj kaj celoj sur la nun ekirata vojo.

(9) Por pli da informoj pri K+E oni sin turnu al la adreso komence citita.

## Noto de la redakcio

La abunda inform-materialo pri la "Prezento de la Preuniversitataj Somerkursoj" kaj la "Protokolo de la HEF-Kongreso", devigas nin prokrasti la aperigon de la kutimaj komentoj al ĉiu programero de la Kongreso okazinta en Murcio. Ni petas senkulpigon.

# 55a HEF-Kongreso

Kiel programite, la 55a HEF-kongreso malvolviĝis tute normale en Murcio de la 12a ĝis la 17a de julio 1996. Interesa, kiel kutime, la festparolado de la HEF-prezidanto Antonio Alonso dum la solena malfermo. Allogaj la deklamado de poemoj, la prelegoj de s-roj Morales pri D.Ricardo Codorniu, Onsalo pri esperantismaj problemoj kaj Serrano pri sociaj laborismaj temoj. Ripetinda la ekskurso inter maroj, t.e. la bela Mediteraneo kaj la Minora maro. Pitoreska kaj aplaŭdinda pro sia neordinara ĉarmo la folkloraj tipaj dancoj. Inter aplaŭdoj, Maria Dolores Egea, edzino de la HEF-estrarano José Mŭ Bernabeu, ricevis la premion "Klara Silbernik". Ĝenerale la Kongreso estis bone organizita kaj la OKK meritas niajn gratulojn. Specialan dankon al nia samideano Francisco Muñoz-Garre, kiu tiel sindoneme kaj senlace laboradis dum longaj monatoj. Dankon, amiko!

Specialan atenton meritas la ĝenerala asembleo de HEF, kiun ni bildigas pere de la protokolo farita de la HEF-Sekretario:

# Ordinara Ĝenerala Kunsido Protokolo

En la kunvensalono de la entrepreno "Scorpius" de Alquerias (Murcia), la tagon 16an de julio 1996, je la 19,45 h., akorde al siatempa kunvoko, okazis la ordinara kunsido de H.E.F., ĉeestante 37 membroj kaj jenaj estraranoj: Antonio Alonso, prezidanto; José Mŭ Bernabeu, kasisto; Manuel Parra, sekretario kaj Juan Antonio Cabezos kiel voĉdonanto, por pritrakti jenan tagordon:

1). Prezento, lego kaj eventuala aprobo de la protokolo de la antaŭa ĝenerala kunsido.

La sekretario legis ĝin, samtempe tradukante al E. la hispanlingvan version.

2). Prezento, studo kaj eventuala aprobo de la kontoetatoj de HEF kaj de Libro-Servo. Eventuala renovigo de kotizoj.

Oni taksis prezentitaj ambaŭ kontoetatojn, ĉar ili estis publikigitaj en *Boletín-326.* Tial ke ekzistis neniu rimarko pri la temo, la asembleo aprobis ĝin unuanime. Rilate la renovigon de kotizoj, Kultura Asocio Esperantista (KAE)

prezentis skriban proponon (DM 2818) en la senco ne plialtigi ĉi-jare la kotizojn. Ĉiuj konsentas, do la propono estis akceptata.

3). Raporto pri aktivaĵoj de HEF dum la lasta jaro.

Tial ke la raporto estis publikigita en *Boletín-326* oni rigardis ĝin prezentita. La asembleo aprobis ĝin unuanime.

4). Aljuĝo de la premio "Klara Silbernik": Elektita s-ino Maria Dolores Egea Estañ, pro sia konstanta apogo al sia edzo, José Mŭ Bernabeu, ekde 1937 de konstanta aktivado esperantista, oni liveris al ŝi la menciitan premion.

5). Elekto de du HEF-membroj por kontroli la konto-etatojn. La prezidanto starigas la demandon ĉu la asembleo konsideras nepra tiujn kontrolantojn, kaj ripetas la demandon en la hispana lingvo. Tial ke neniu jesas, oni decidas ne fari la elekton.

6). Demandoj, petoj, proponoj.

La prezidanto informas pri jenaj punktoj:

—Laŭ informo de la advokato kiu prilaboras la temon pri heredaĵo de gesinjoroj Casanova-Ferrandis por la "Fondaĵo Esperanto" (do ne ĝuste por HEF) sumanta ĉirkaŭ 3 milionojn da pesetoj, mi informas al vi ke la lastaj demarŝoj estis pozitivaj kaj probable nia Fondaĵo baldaŭ ricevos tiun sumon.

-Oni restarigis la hispanan Sekcion de ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj) nun sub la gvidado de D-ro Julio Tarin Cortés, de Valencio. Rilate la ekzamenojn, ni celas ke estonte la ILEI-diplomoj estu agnoskitaj de oficialaj institucioj, ekzemple de la universitatoj.

—Agado de eŭroparlamentanoj. Temas pri kampanjo kunordigata de s-ro Pirlot, el Belgio. Reage al lia peto, s-ro Alonso kontaktis kun du galegaj eŭroparlamentanoj kaj pritraktis la temon. Unu el ili, s-ro Fernández Albor, afable respondis, ke li preferas ke oni petu lian apogon, ne tiel simple por la lingvo Esperanto, sed pri difinitaj taskoj kaj projektoj. Konsente kun tiu vidpunkto, Alonso prilaboras projekton, kiu espereble atingos la subtenon de kelkaj plej altaj instancoj. Kaj li profitas la okazon por instigi al la diversaj Esperanto-societoj de aliaj hispanaj Komunumoj por kontakti kun la respekti-vaj eŭroparlamentanoj kun sama celo ol tiu gvidata de s-ro Pirlot. Tiurilate, samideano Serrano, informas pri la negativa rezulto de lia kontakto tiucele kun la eŭroparlamentano Antonio Gutiérrez Diaz.

—Venontjare, 1997a, oni devas elekti novan prezidanton, ĉar finiĝas la dua oficiala periodo de la nuna estraro, kaj li, la prezidanto, konsideras oportuna informi al la HEF-anaro, ke li ne plu rekandidatiĝos, do estas la momento por ke aliaj kandidatoj pretaj por tiu tasko sin anoncu kiel eble plej baldaŭ.

—Vortaroj. Estas jam printita (ne presita, sed nur printita en sep ekzempleroj), la granda vortaro Español-Esperanto, de Fernando de Diego. Nun venas la tasko pri plurjara reviziado fare de kvinmembra teamo kaj poste, se oni trovas financajn rimedojn, la eldonadon. Krom tio, estas tre bezonata nun

malgranda dusenca vortaro por lernantoj, ĉar elĉerpiĝis la ekzemplerojn *Lexicon Sopena*. Rilate ĉi tion, la estraro decidis antaŭmendi ekzemplerojn de vortareto prilaborata kaj eldonota de Miguel Gutiérrez Adúriz laŭ kosto de 200.000 pesetoj.

—La prezidanto, nome de HEF-anaro, gratulas s-ron Pérez Ovilo pro sia iniciato kaj granda sukceso en la venigo de Prof. Selten al Murcio dum la pasinta monato marto. Ankaŭ li gratulas s-ron Muñoz Garre kaj la Grupon "Ĉielarko" de Alquerias, kaj ankaŭ la Grupon "Ricardo Codorniu" de Murcio, pro la sukcesa kaj brila organizado de tiu ĉi kongreso.

Post la prezidanto parolas s-ro Serrano kiu starigas jenajn petojn:

—Rilate la heredaĵon Casanova-Ferrándis al la "Fondaĵo Esperanto", li petas ke oni prudente administru tiun monon por ne disipi en mallonga tempo monon kiu garantias la eblecon de interesaj estontaj E-projektoj.

—Li proponas ankaŭ eldoni adresaron de HEF-membroj, por faciligi la personajn kontaktojn inter HEF-membroj. La prezidanto Alonso konside-ras la proponon malbonefika kaj eksplikas al la ĉeestantaro la kialon. S-ro Hernández Izal proponas, ke anstataŭ tiun malutilan adresaron, *Boletín*, regule aperigu liston de lastaj aliĝintoj. Oni voĉdonas ambaŭ proponoj kaj la rezulto estas: 6 por la eldono de la tuta adresaro kaj 14 por la eldono de la lastaj aliĝintoj. Oni do ne eldonos la tutan adresaron, sed akceptas la proponon de Hernández Izal.

—S-ro Serrano proponas ankaŭ restarigi rabatitan kotizon por junuloj, kiel stimulo por allogi ilin al aliĝo en la Federacio. La prezidanto Alonso kontraŭargumentas ke pasintjare oni egaligis la kotizojn ĝuste laŭ sugesto de junaj membroj, ke junuloj estas favorataj per diversaj aliaj servoj, kaj intertempe rimarkinde kreskis la nombron de junaj



membroj, laŭ informo aperinta en *Boletín*. Post arda debato, la asembleo voĉdone aprobas la proponon malaltigi la kotizon por junuloj, lasante al la estraro la decidon pri la ĝusta kvanto eventuale malaltigota, la forigon aŭ ne de la nunaj favoraj servoj por junuloj kaj la aĝlimon starigotan inter la kotizantoj.

Je la dudekunua horo kaj dek minutoj, pro postuloj de la kongrespro-gramo, oni interrompas la kunsidon.

La sekvanta tago, la 17an de julio 1996, je la 10,40 h., en salono de Insti-

tuto pri bakalaurostudoj "Licenciado Francisco Cascales" de Murcio, oni sekvas la ĝenerala kunsido de Hispana Esperanto-Federacio en kiu partoprenas 17 membroj kaj la samaj menciitaj estraranoj. Oni daŭrigas la debaton pri sama 6a punkto: Demandoj, petoj kaj proponoj. La prezidanto laŭtlegas proponon senditan de Kultura Esperanto-Asocio (DM n-ro 2818), en la senco ke, antaŭ ol akcepti gravan decidon en Kongreso, la estraro konsultu skribe la neĉeestintojn, se temas pri gravaj aferoj. Oni voĉdonas kaj aprobas la proponon.

Sekve, la prezidanto demandas, ĉu la antaŭa decido pri kotizrabato al junaj membroj estas tiel grava, ke ĝi meritu skriban konsulton. La asembleo decidas ke ne, do tiu decido fariĝas firma.

Rilate la polemikon pri la uzo dum kongresoj de nacia(j) lingvo(j), s-ro Serrano proponas adopti la regulon tion fari nur en E., kaj nur en esceptaj kazoj oni faru tion nacilingve. Replikas Alonso ke tiu rigida postulemo paroli en Esperanto rezultos plejofte malutila. Fine, oni decidas okazigi referendumon inter ĉiuj HEF-anoj, kun la demando:"ĉu la kongres-programoj okazu principe nur en Esperanto, escepte kiam la programo indikos alion pro partopreno de neesperantista publiko?"

Pri la hispanlingva bulteno "El Correo del Esperanto", s-ro Serrano petas ne aperigi en ĝi artikolojn pri politiko, kaj principe ne sendi ĝin al esperantistoj, sed uzi ĝin kiel propagando por ekstermovadanoj.

S-ro José Pina petas esplori la eblon ke *Boletín* fariĝu magazino, kun sekcioj regionaj aŭ aŭtonomaj, anstataŭante iujn regionajn regionajn bultenetojn.

La prezidanto plendas ke nia *Boletín* maltrafas tri el kvar kategorioj de celitaj homoj, nome: la neregantojn de la E-lingvo, la mezregantojn kaj la influhavajn personojn en gravaj instacoj kaj oficialaj institucioj, do ĝi trafas nur tiujn bone regantajn la E-lingvon. Ni fiaskis en nia plej grava devo. Bedaŭrinde ni ne havis dum la lastaj jaroj nacilingvan informilon por informi la eksteran publikon pri tiuj noticoj kiuj estas ĝenerale interesaj. Mi provis konvinki la ĉefredaktoron (bedaŭrinde ne ĉeestantan) sed li ĉiam oponis la proponon enkonduki nacilinngvajn paĝojn en *Boletín,* kiel ĝenerale agas ĉiuj similaj naciaj bultenoj. Ĉar aliflanke li, la ĉefredaktoro, tre efike

redaktas kaj eldonas, mi devis rezigni. Tamen mi opinias, ke sine de la Federacio devas okazi debatoj, ĉu *Boletín* restu nur en Esperanto aŭ akceptu nacia(j)n lingvo(j)n?

Tial ke estas neniu plia traktenda afero, je la 12a h. la prezidanto fermis la kunsidon.

*La Sekretario*
Manuel PARRA

*La Prezidanto*
Antonio ALONSO




En salono de Instituto por bakalaurstudoj "Francisco Cascales" de Murcio kunsidas la 13an kaj 14an de julio la HEF-estraranoj M.Parra, J.Mŭ Bernabeu kaj Juan Antonio Cabezos prezidataj de s-ro Antonio Alonso por prepari temojn plej gravajn por eventuala debato en la Ĝenerala Kunsido okazonta la 16an de julio 1996.

## Eldono de Vortaretoj

Ĉar elĉerpiĝis la vortaretoj *Lexicon-Sopena,* oni rekomendos al la asembleo mendi vortareton kun valoro proksimume je 200.000 ptojn de la modelo preparita de Miguel Gutiérrez Adúriz.

Ankaŭ ni rekomendos komisii al nia samideano Augusto Casquero la aĉeton de la stoko de ekzempleroj de *Lexicon-Sopena* ekzistantaj en Librovendejo de Valencio.

## Venontjara Kongreso

Oni proponos organizi la 56an Hispanan Esperanto-kongreson en Valencio, de la 8a ĝis la 13a de julio 1997, ligata al la 7a Internacia Esperanto-Kongreso kaj al la 7a Eŭropa speranto Forumo. La Esperanto-Grupo de Valencio jam akiris la kompromison pri la organizado de tiuj proponitaj kongresoj.

## Buĝeto

Por la nuna jaro 1996 ni anticipas jenan buĝeton en pesetoj:

| | |
|---|---|
| Enspezoj per kotizoj | 1.100.000 |
| Aliaj enspezoj | 100.000 |
| Sumas la Enspezoj | 1.200.000 |

| | |
|---|---|
| Elspezoj | |
| Presado kaj sendado de Boletín | 350.000 |
| Centra Oficejo | 110.000 |
| Telefono C.O. | 80.000 |
| Aĉetoj porla oficejo | 300.000 |
| Poŝvortaro mendota | 200.000 |
| Kontribuo al la projekto K-E | 29.000 |
| Poŝto kaj telefono de la prezidanto | 50.000 |
| Diversaj | 81.000 |
| Sumas la Elspezoj | 1.200.000 |

**Elspezoj de la Prezidanto**

La prezidanto Alonso prezentas jam noton de siaj elspezoj kiuj sumas:

| | |
|---|---|
| Elspezoj poŝtaj, telefonaj, faksaj, fotokopiaj | 50.000 |
| Vojaĝo al Portugalio: projekto K.E | 11.000 |
| Demarŝoj: invito al Ge-roj Selten. | 14.000 |
| Donaco al sinjorino Selten | 4.000 |
| Sumas la elspezoj de la prezidanto | 79.000 |

## Eksiĝo de membroj

En oktobro de 1995, la Kasisto de HEF sendis individuan cirkuleron al ĉiu membro kiu de antaŭ pluraj jaroj ne pagas la kotizon. Al tiuj kiuj ne pozitive respondis ĝis nun post ripetitaj indikoj en tiu senco, oni decidis eksigi ilin, do ili jam ne ricevos *Boletín-327.*

Tamen la Centra Oficejo konservos iliajn datumojn por eventualaj estontaj kontaktoj.

## Nacilingva Informilo

Pri la ekaperinta hispanlingva bulteno "El Correo Español" private redaktata de Juan Antonio Cabezos kiel provo, la prezidanto Alonso pensas ke antaŭ ol oficiale aperigi ĝin oni devos submeti la projekton al la ĝenerala asembleo kaj antaŭkalkuli se eblas kaj oni deziras financi ĝin. La apero de tiu bulteno devos esti submetita al atenta studado kaj kalkuli la eblecojn teknikajn kaj financajn redakti unu solan Esperanto-gazeton, eble en ĉiuj lingvoj de la ŝtato kaj en Esperanto.

Murcia la 14an de Julio 1996

La Sekretario
Manuel PARRA

La Prezidanto
Antonio ALONSO






# Vera Juvelo!

Jen la libro, kiu ne povas manki sur la breto de ĉiu bona literatur-amanto.

Post lia majstra kontribuo al "*Ibere libere*", Miguel Fernández, sendube unu el la plej grandaj E-poetoj, regalas nin per senkompara verko.

Se vi amas la vortojn, vi ne povos ne ami ĉi libron. Se vi amas Esperanton, vi fiere ĝuos ĝin, ĉar malmultaj lingvoj posedas similan juvelon!

Mendu ĝin ĉe la

**Libroservo de HEF**

**Apartado 119**

**47080-Valladolid**




## *Intervjuo per televido*

Tri membroj de la Esperanto-Grupo *Fido kaj Espero* de Valladolid estis intervjuataj de la «Valladolida Televido» por programo de tiu ĉi loka Televidostacio, la 26an de Junio.

D-rino Urueña, iama HEF-prezidantino, S-ro González Suarez,prezi-danto de la loka E-Grupo kaj S-ro Pedro Garrote instruisto de Esperanto, respondis al la ampleksa priesperantista temaro, speciale pri la celo de la Esperanto-kongresoj kaj specife pri tiuj okazontaj ĉijare en Murcio, la nacia, kaj en Prago la universala.

Niaj gesamideanoj profitis la okazon por propagandi nian aferon en la urbo.

## *«HEROLDO»*

### *Senpaga kongresa numero*

Se vi deziras ricevi senpage la duoblan kongresan numeron de «Heroldo de Esperanto" kun riĉe ilustrita raporto pri la Universala kongreso en Prago, skribu simplan poŝtkarton al la redakcio: Via Sandre 15, 10078 VENARIA REALE, Italio, aŭ sendu al ĝi telefakson (+ 11 226 30 78) aŭ retmesaĝon (ĝiancarlo.fighiera6torino.alpcom.it)

## Esperanto-Rok-Asocio

*Floreal Martorell*

En la jaro 1995, *Esperanto-Rok-Asocio* eldonis kolekton da muzikaĵoj sub la formo de kompakta disko titolita *Vinilkosmo-Kompil'*. Tiu ĉi jaro, post longa strebado, jen finfine la 2-a volumo de *Vinilkosmo-Kompil'*, kiu estas diversstila ol la unua, sed ni esperas ke ĝi tre plaĉos al vi.

La aĉeto de tiuj kompaktaj diskoj, kies muziko povas fari propran plezuron, estas ankaŭ maniero subteni la agadon de Esperanto-Asocio sur kampo ŝatata de multaj gejunuloj kaj donas la eblon prezenti modernan aspekton de la internacia lingvo okaze de informado.

En la kadro de *Kultura Espo-Festivalo (K.E.F.)*, kiu okazos en Kopenhago en monato aŭgusto 1996, Esperanto-Rok-Asocio prezentos sian agadon.

Informoj kaj aĉetoj: Eŭroka- Esperanto-Rok-Asocio; 31450 Donneville. Francio. Tel. 33.61.81.95.65.



## Hungara Esperantista Semajno

De la 27-a septembro ĝis la 4-a de oktobro 1996.

Ĉeftemo: Turismo kaj komunikado.

Varia kultura kaj turisma programo. Lingvokurso por komencantoj kaj progresantoj (antaŭtagmeze lerni, postagmeze amuziĝi). Vizito al famaj vinberĝardenoj de Orient-Hungario.

Informoj: Hungaria Esperanto Asocio; H-1061 Budapest, Andrássy t 27. Tel. (36-1)268-03-06 akso: (36-1)268-03-31.

## Nova Ĉefdelegito de ILEI en Hispanio

Elektita antaŭ kelkaj semajnoj nova Ĉefdelegito de ILEI en Hispanio D-ro Julio Tarin Cortés, la nova responsulo informas al ĉiu interesiĝanto de Hispana Esperanto-Federacio kiu volus esti membro de tiu reto aŭ kunlabori kun li en tiu instrua tasko, bonvolu kontakti kun li por reorganizi tiun servon.

Sugestoj kaj novaj planoj por restrukturado bonv. adresi al:

D-ro Julio TARIN CORTES; Alcacer, 3.-20. ES-46014 VALENCIA. (Hispanio).

## *La Akademio elektis siajn direktorojn*

Perla Ari Martinelli
*Gen. Sekretario de AdE*



Kvar monatojn post la elekto de la nova estraro, la Akademio de Esperanto kompletigis siajn postenojn elektante per sekreta voĉdono la direktorojn de la Sekcioj kaj Komisionoj.

Apud gravaj konfirmoj, nome *Rüdiger Eichholz* pri Faka Vortaro, Bernard Golden pri Ĝenerala Vortaro, kaj *Geraldo Mattos* pri Prononcado, okazis gravaj stafetaj transdonoj: *Georges Lagrange* transprenis de *Michel Duc Goninaz* (kiu rezignis pro la okupoj de la PIV-reviziado) la gvidon de la Gramatika Sekcio kaj *Carlo Minnaja* anstataŭas *Baldur Ragnarsson* kiel direktoro de la Literatura Sekcio. Krome, *Yamasaki Seiko* respondecos pri Landaj Institutoj kaj *Carl Stop-Bowitz* pri Aprobo de Fakaj Terminaroj.

Pri la novaj direktoroj: *Georges Lagrange* estas fama verkisto kaj tradukisto, konata ankaŭ sub la pseŭdonimo Sergo Elgo. Li prezidas la *Societon Yvonne Martinot* (la francan filion de LF-koop) kiu posedas kaj administras la kulturcentron La Kvinpetalo.

*Carlo Minnaja* estas unu el la tre malmultaj denaskaj esperantistoj en AdE. Literatura kritikisto kaj tradukisto, li jus aldonis al siaj multaj meritoj la realigon de granda vortaro Itala-Esperanta.



Post la kompletigo de la strukturo, la Akademia potencialo povos plene efektiviĝi. La sekcioj estas volonte je dispono de la tuta esperantistaro por pritrakti demandojn kaj konsideri sugestojn. Kelkaj projektoj estas prilaborataj, interalie nova internacia publika kolokvo. Sed por esti efika, la laboro de la Akademio bezonas financan subtenon: societoj kaj privatuloj povas adresi sian helpon al la poŝtĉekkonto n-ro 23-20788-6 en Svislando, aŭ al la UEA-konto akad-s, ambaŭ je la nomo de la Akademio de Esperanto



## PAROLAS VIENO

*Radio Aŭstria Internacia (ROI)*

Ni estas en la mondo la voĉo de Aŭstrio. Ni disaŭdigas laŭ komisio de federacia registaro kaj je kostoj de la federacio.

Semajna komentario, raportoj, felietonoj, leterkesto.

*Dimanĉe: 04h30 UTC= 06h30 MET*
frekvencoj: 6155 kHz (49m), 13730 kHz (22m)
*11h30 UTC= 13h30 MET*
frekvencoj: 6155 kHz (49m), 13730 kHz (22m) 15450 kHz (19m)
*14h30 UTC= 16h30 MET*
frekvencoj: 6155 kHz (49m), 13730 kHz (22m)

(31-a de marto 1996- 26-a de oktobro 1996

Nia programo ROI WIEN aŭskulteblas en Eŭropo ankaŭ per satelito ASTRA DIGITAL RADIO (ADR).

Adreso: Radio Aŭstria Internacia (ROI); Esperanto-Redakcio.

AT-1136 VIENO. Aŭstrio. Fakso: internacia + 43 1 878 78-4404, enlanda (0 222) 878 78-4404. Internet: a rai. ping. at.








## PLIA PORDO

Hispana Esperanto-Federacio moderniĝas ĉiam pli kaj pli. La asocio alireblas tra multaj pordoj. La lasta estas la retpoŝto.

esperanto@canaldinamic.es



# Lasu la junulojn veni al ni

Marcos Cruz

*Vicsekretario de HEF.*

Legante la protokolojn de la ĵusa hispana E-kongreso, ŝokis min la decido de la ĝenerala asembleo, restarigi rabatitan kotizon por junuloj kaj decidigi la estraron pri tio, ĉu pluigi la sendadon de *Kontakto* aŭ ne. Pro la graveco de la afero kaj la nekomprenebla decido, mi dubas nun, ĉu entute la voĉdonantoj sciis, pri kio oni parolas! Bedaŭrinde mi ne povis ĉeesti la kongreson kaj do argumenti mem surloke. Estintus interesege, ĉar ĝuste mi proponis antaŭ unu jaro la unuigon de kotizoj kaj la sendadon de *Kontakto* al junuloj. Mi ne rediros nun la tuta argumentaro prezentita tiam al la estraro kun la propono.

Unua fakto estas ke dum jaroj kaj jaroj estis rabatita kotizo por junuloj, kaj tio nura neniam allogis junulojn.

Dua fakto estas ke post la unuigo de la kotizoj kaj lanĉo de la novaj servoj, en unu jaro la junularo kreskis de 18 ĝis 26 homoj. Tio estis rapor-tita en la antaŭkongresa *Boletín,* kaj ĉiu en la asembleo sciis. Kvankam la kresko estis modesta, tian la asocio neniam atingis de jaroj. Male, senhalta tendenco estis malkresko de la junularo.

Tria fakto estas, ke *Boletin* nenian allogon havas por novalvenintaj junuloj. La novajn junulojn decidigis aniĝi nur *Kontakto*, kiun alikaze ili devintus aboni aparte, aŭ individue aniĝi en UEA.

Kvara fakto estas, ke la kosto sendi al junuloj *oletín, Kontakton,* kaj diversajn regulajn informojn estas por nia asocio jam tre grava elspezo, apenaŭ kovrita de la nuna kotizo.

Kontraŭ la supraj faktoj, mirigas min la nura jena argumento: "Ni rabatu la kotizon al junuloj por allogi pli da ili". Tion pensi povas nur tiuj, kiuj havas nenion novan por elkapigi nek oferti, krom sidi kaj espere atenda-di, ke oni gaje kaj amase venos al ni -nur ĉar ĉe ni estas iom pli malmulte-koste: «Mi sopiregas aniĝi -precipe ĉar tio kostos al mi ja nur 3000 pesetojn anstataŭ 3500!» Neniu, krom strangulo, aniĝas en asocion allogite de jara rabato je kosto de sandviĉo, ĵurnalo kaj biero!

Oni aniĝas en asocion por samtempe apogi ion (seriozan) kaj ricevi ion (interesan). En la reala vivo, junulo venas al ni kaj postule kaj prave demandas: "Mi ŝatas esperanton kaj volas ellerni ĝin, sed kial mi aniĝu? Kion interesan vi ofertas al mi?" Ŝajne ni respondu, kiel la asembleo celas: "Kompreneble, kara, vidu kiel pimpan rabateton ni havas nur por vi!.

La asembleo prenis tiun decidon. Te-

mas pri pruveble naiva, senkona kaj erara decido, sed estiel estrarano mi akceptas ĝin. Ĉar la asembleo lasis al la estraro la decidon difini la rabatkiomon mi dum estrarkunsido firme proponos, detale kaj pruve argumentos kaj fine voĉdonos rabatkiomon de UNU peseto. Tiel ĉiu havos sian kontentiĝon: Malnovkapuloj rabaton, junuloj *Kontakton*, kaj la asocio -plu pli da junuloj.

Kompreneble, la servoj interesaj al junuloj, kaj al ĉiuj membroj, speciale al la kolektivaj, pluu kaj pliiĝu, ĉar tio estas nia plej bona investo.

Etimologia ekskurso

# Tra ĝangaloj kaj ĵungloj

*Bernard GOLDEN*

## Pilger plendas

Antaŭ nelonge Wouter Pilger surpaperigis jenan objeton kontraŭ la vortformo «ĵunglo».

"Se ĉie ĝis nun oni renkontis *ĝangalo* por praarbaro, kian sencon do havas aserti —kiel sinjoro Golden— ke *junglo* estas pli taŭga? Certe iuj —eble eĉ sinjoro Golden— ja preferus *ĝangalo* (hindia) se *junglo* (laŭ-sone misa reprezento de la angla laŭsona transskribo de tiu hindia *ĝangal*) estus la tradicia vorto..."(*Survoje*, n-ro 14, 3/1993, pĝ.11).

En tiu ĉi artikolo mi montros, ke la kritiko de Pilger estas tutsimple persona opiniesprimo neniel apogebla per objektivaj esperantologiaj donitaĵoj.

## Komparo de etnolingvaj ekvivalentoj

Por decidi pri la meritoj de la vortformoj *ĝangalo* kaj *junglo* por uzo en internacia lingvo, estas necese unue fari komparon de la ekvivalentoj en diversaj etnolingvoj. Sekvas listo, kiun mi kompilis surbaze de la prononco de la vorto en 22 lingvoj (en la hispana kaj portugala lingvoj estas po du variaĵoj).

**/ĝungl/** (13): A. *jungle*, I. *giungla*, Jida *ĝungl*, kimra *jyngl*, Slovena *dzungla*, Slovaka *dzungl'a*, Serba *dzungla*, Ĉeĥa *dzungle*, Rusa *dĵungli*, Bulg. *dĵungla*, Makedona *dĵungla*, Pola *dzungla*, Latva *dzungli*

**/jungl/** (2): F. *jungle*, Port. *jungle*

**/djungl/** (1): Dan. *Djungle*

**/jungl/** (1): Ned. *jungle*

**/ĥungla/** (1): Hisp. *jungla*

**/ĝungel/** (2): Germ. *Dschungel*, Hung. *dzsungel*

**/djungel** (1): Sved. *djungel*

**/jungel/** (1): Norv. *jungel*

**/ĵangal/** (1): Port. *jângal*

**/ĉungl/** (1): Hisp. *chungla*

La enhavo de la tabelo estas okulfrapa. El 24 vortformoj, 13 (preskaŭ 50%) havas radik-silabon fonetike transskribeblan kiel /ĝungl/. *Nur unu* vorto en la tuta listo simila al *ĝangalo*: Port. *jângal* (elp. jangal).

Jen elokventa atestaĵo, ke la unu-

groŝa argumento de Pilger por pro-vi defendi la vortformon *ĝangalo* en Esperanto estas tute senbaza.

2

## La signifo de ĝangalo en Esperanto

Kion plendemulo Pilger ne scias, estas la historio de *ĝangalo* en Esperanto. Por erudi lin, jen la faktoj. Ekde la tempo, kiam E. Boirac registris *ĝangalo* en sia *Plena Vortaro* (1909-1910), ĝia formo kaj signifo en Esperanto ne montriĝis stabilaj. Unue ni spuru la metamorfozojn de la difinoj. Laŭ Boirac ĝi estas "hinda marĉaĵo". Ch. Verax en sia *Enciklope-dia Vortareto* (1910) informis, ke ĝi estas «nomo de Indiaj marĉaj ebenaĵoj kovritaj de altaj herboj». *Plena Vortaro* (1934) enkondukis bestojn en la difinon: «hinda marĉarbaro loĝata de multaj sovaĝaj bestoj». Jen la variaĵo en *Plena Ilustrita Vortaro* (1970): «hinda regiono, kovrita de densa vepraro kaj loĝata de multaj sovaĝaj bestoj». La hindaj bestoj, kiuj obsedis la verdajn vortaristojn en 1934 kaj 1970, malaperis en gloso trovebla en *Kanako el Kana-nam* de Kenneth G. Linton (1960): «sovaĝa arbara densejo». J.C. Wells, en artikolo kritikanta difinojn en *Plena Ilustrita Vortaro* (*Li kaj Ni*, 1985, pĝ. 366-367), trovas nekontentiga la difinon de *ĝangalo* kaj proponas jenan: «en varmaj landoj, arbaro tiel densa, ke oni ne povas facile piediri tra ĝi». En *Bestoj kaj Homoj* (1987) mi glosis *ĵunglo* jene: «nepenetrebla den-sejo aŭ implikita maso da tropikaj vegetalaj kreskaĵoj». Anstataŭ la «varmaj landoj» de Wells, mi uzis la pli precizan terminon *tropikaj*. Plue, Wells kaj mi scias, ke ĝangaloj/ĵungloj ne troviĝas nur en Hindio sed en pluraj aliaj mondpartoj de la tropika zono, kiel ankaŭ esperantistaj legemuloj devas scii: Afriko (*Tra dezerto kaj praarbaro* de Henryk Sienkiewicz); Amazonio en Sudameriko (*Kumeŭaŭa* de Tibor Sekely); Novgvineo (*Kanako el Kana-nam* de Kenneth G. Linton). Rimarku, ke neniu vortaro registras la aktualan figuran sencon de la koncepto ĝangalo: «ĝangalo de movadaj aferoj», «betona ĝangalo», «ĝangalo de lingvistikaj terminoj», «oficeja ĝangalo» ks.

### Variaĵoj de la morfologio

Tre frue aperis apud *ĝangalo* variaĵoj de la formo de la vorto.

1. *Ĵangalo* -registrita de Vilho Setälä en sia *Plena Vortaro Finna-Esperanta* (1923); uzita de Arthur Keith en *Pri la origino de l'homo* (1928); registrita de Eugen Wüster en sia Esperanta-germana vortaro (1923) sed kun resendo al *ĵunglo*.

2. *Ĵungalo* —Verŝajne hapaksa formo, ĉerpita el *Nov-Zelanda Esperantisto* (1983).

3. *Jungalo* —registrita de E. Boirac en 1909-1910 en sia *Plena Vortaro* sed kun resendo al *ĝangalo*.

4. *Ĵunglo* —En 1919 Henri Sentis inkludis ĝin en *Vortoj propozataj por Esperanto*. Povas esti, ke la vorto *junglo* en Ido (elp. ĵunglo) influis lin. Jen la difino en *Diccionario de la 10.000 radiki di la linguo universala Ido* de Marcelo Persiko (1964): «En India plana lando marshoza kovrita ye kani e ye bushi e dornoza».

En *Enciklopedia vortaro Esperanta-germana* (1923) de Eugen Wüster,

«ĵunglo estas artikol-vorto tradukita germanen kiel *indisches* (Sumpf-) *Dikicht* (hindia (marĉ-) densejo). Wüster preferis tiun ĉi vortformon sed registris ankaŭ *ĝangalo* kaj *ĵangalo* kun resendoj.

G. Waringhien en *Grand Dictionnaire Espéranto-Française* (1957) registras *ĵunglo* sed resendas al *ĝangalo*.

*Ĵunglo* estas uzita kaj glosita en beletra teksto en *Bestoj kaj Homoj* (1987) de Bernard Golden.

Devas nun esti evidente al povra Pilger, ke li mizere mispaŝis, kiam li akuzis min pri la ŝanĝo de *ĝangalo* al *ĵunglo*. Tio okazis **antaŭ ol mi kaj li naskiĝis,** ĉar tre frue en la historio de Esperanto oni ne estis kontenta pri la vortformo *ĝangalo* kaj provis enkonduki pli internacian formon. Aŭtoroj de aliaj planlingvoj estis pli klarvidaj ol Pilger: Ido *junglo*, Occidental *jungle*, Novial *jungle*, Interlingua *jungla*, Neo *junglo*. En Esperanto la vortformo *ĵunglo* spegulas la principojn de fonetismo kaj grafismo, kaj estas sen nubo da dubo pli internacia ol *ĝangalo*.

## Faka priskribo de ĵunglo

Por povi formuli fidindan Esperantan difinon de ĵunglo, estas necese listigi la esencajn trajtojn de praarbaroj tra la mondo, ne surbaze de difinoj jam registritaj en Esperantaj kaj etnolingvaj vortaroj sed laŭ priskriboj en la geografia kaj ekologia fakliteraturo. Jen enciklopedieca difino de ĵunglo, kiu estas facile koncizigebla por vortara uzo.

*Ĵunglo* -En varmegaj, specife tropikaj, regionoj de la terglobo, virga pluvarbaro kun densega vegetaĵaro, karakterizata per: (1) enormaj, altaj arboj, kreskantaj tre proksime unu al alia, kronitaj de pompa foliaro, kaj kovritaj de vegetalaj parazitoj kaj epifitoj; (2) perenaj lignacaj lianoj kun diversaj dikecoj, longaj ĝis 1000 metrojn, dissterniĝantaj sur la grundo kaj, helpe de ĉiroj, serpentantaj sur arbotrunkoj, de kiuj ili pendas en grandaj implikaĵoj; (3) superkreskaĵo de vepro kaj alispeca interplektiĝanta subar-baĵo, formanta preskaŭ netrapaseblajn densejojn; (4) abundo da laŭsezona pluvo kaj, kelkloke, marĉejoj. Rimarku, ke ĵunglo estas esence botanika koncepto, do la baza difino ne koncernas la tiean animalan vivon.




### Informa Servo de HEF

Se vi volas ricevi regule la plej freŝajn informojn pri Esperanto en radio (horarojn, frekvencojn, novaĵojn, programojn...) simple turnu vin al la Informa Servo de HEF-oficejo.

Neniam antaŭe HEF provizis siajn membrojn per tiom da interesaj kaj senpagaj servoj.

Unuiĝo estas forto, do aliĝu kaj...

### Helpu nin kreski plu!



# Esperanto kaj Esperantismo (2)

*Giordano MOYA*

La Zamenhofa Esperantismo

Kvankam la lingvo Esperanto kiel internacia allogis multajn personojn, la ĉefa ideo de Zamenhof, la *homaruniĝo,* ne trovis multajn adeptojn. Ĝis la publikigo de *La plena verkaro de Zamenhof* (PVZ) la tuta esperanta afero restis preskaŭ nebula. La *interna ideo* konsistis el ne pli multe ol la himno «La Espero» kaj la personeco de Zamenhof en Ludoviko Zamenhof, pola okulkuracisto.

Ne plaĉis al la organizantoj de la unua kongreso de Esperanto (1905) en Bulonjo-sur-Maro la projekto de Zamenhof por organizi la esperantistojn. Eltirita el (PVZ) la postparolo de «destino de la ludovika dinastio pĝ. 12»: "Cart kaj Beaufront sambuŝe admonis al Michaux, ke li prokrastu la publikigon de la projekto. Jen ekzemplo kiamaniere Cart insistis prokrastigi ĝin. 1905-5-5, li skribis al Michaux konfidence: "bedaŭrinde estas la INTER-NACIISMO de la manifesto de Zamenhof. Mi estas kormalĝojega, vere afliktegata, ke vi ne povas prokrasti la publikigon, almenaŭ de la 2a parto.

«Laŭ ilia insisto Michaux prokrastis la publikigon kaj ne rapidis eĉ komenci la kompostadon, (1905-5-9)». Ili timis ankaŭ la disvastigon de la hebreeco de Zamenhof.

Tiu internaciismo aŭ sennaciismo montriĝis en tiuj vortoj de la parolado de Zamenhof en la unua kongreso: «en tiu ĉi momento mi ne apartenas al ia nacio aŭ partia religio, sed mi estas nur homo».

En letero al la Loka Kongresa Komitato en Krakovo (destino de la ludovika dinastio, pĝ. 2511, 14-2-1912), Zamenhof diris: "Estas vero, ke mi al neniu faris ian malbonon; sed mi estas hebreo kaj naskiĝis en Litovujo. En la okazo, se vi nepre bezonos paroli pri mia persono, vi povas min nomi *filo de pola lando* (ĉar neniu povas nei, ke la tero, en kiu kuŝas ambaŭ, miaj gepatroj, kaj sur kiu mi konstante laboras kaj intencas labori ĝis mia morto, estas mia hejmo, kvankam mi ne estas naciisto), sed ne nomu min *polo* por ke oni ne diru, ke mi —por akcepti honorojn— metis sur min maskon de popo-lo, al kiu mi ne apartenas".

"Ĉar por eviti ian malĝustan paŝon, vi eble bezonas scii, al kiu popolo mi mem alkalkulas min, mi sciigas vin, ke laŭ mia politika-religia konvinko mi estas nek polo, nek ruso, nek hebreo, sed mi estas partiano de *homaranismo* (ne miksu kun *kosmopolitismo*); laŭ mia deveno mi alkalkulas min el gento hebrea".

El la sama verko, pĝ. 1708, Zamenhof diras: «Mia gepatra lingvo estas la rusa, sed nun mi parolas pli pole, kaj mi nomas min ne *ruso* sed *rusujano*».

Pri la naskiĝo de la ideo de Zamenhof krei Esperanton, ni povas mencii tiun paragrafon eltiritan el letero al Michaux (pĝ. 1438 "ĝis la homaranismo"): «Mi nur simple diras al vi, ke mia hebreeco estis la ĉefa kaŭzo, kial mi de la plej frua infaneco fordonis min tutan al unu ĉefa ideo kaj revo, al la revo pri la unuiĝo de la homaro. Tiu ĉi ideo estas la esenco kaj celo de mia tuta vivo, la afero esperanta estas nur parto de tiu ĉi ideo».

Pri la esperantistaj kongresoj li diris en letero al Boirac: «Ĉar se tiaj kongresoj konsistados nur el amuziĝado, kaj ĉia parolado por la fortigo kaj ordigo de nia afero estus malpermesata, sub la sofisma preteksto, ke estas ne afero sed *nur lingvo*, niaj kongresoj havos nenian sencon». En sama verko, pĝ. 1748 kaj pĝ. 2166 ni trovas: «Ni memoru pri tio, ke niaj kongresoj estas ekzercanta kaj edukanta antaŭparolo por la historio de la estonta unuigita kaj homiigita homaro».

Post tiuj notoj ni povas iom komentarii la penson de Lazaro Ludovi-ko Markoviĉ Zamenhof, lia tuta nomo, kaj pri la nuntempa esperantismo.

Evidente estas, ke tiu deklaro «en tiu ĉi momento mi ne apartenas al la nacia aŭ partia religio, sed mi estas nur homo», devis ŝoki la pens-manieron de la plej elstaraj francaj esperantistoj, des pli, ke por ili tiu pensmaniero estis tute nova, ĉar ĝis tiam Zamenhof publike nur parolis pri la lingvo Esperanto.

La penso de Zamenhof devenis de tiu parto de siatempa Rusio, kie kunvivis sen miksiĝo diversaj gentoj kun propraj lingvoj kaj religioj. Samtempe en Francio tiu socia problemo ne estis konata kaj en Rusio tiaj diversaj gentoj ne povis kompreni la pensmanieron de Zamenhof, ĉar ili troviĝis sub mensostato de fanatikeco kaj integrismo.

Zamenhof proklamis ne nur toleremon, sed ankaŭ interkompreniĝon kaj la grundo en Rusio ne estis adekvata por semi tiun novaĵon.

En Francio kiel en okcidenta Eŭropo regis la nacionalismo de la grandaj ŝtatoj kaj en la meza Aŭstria-Hungara imperio pli ol imperia naciismo vekiĝis la etnaj nacionalismoj. La hebreoj, kiuj povis kompreni la ideojn de Zamenhof, ne kuraĝis publike montriĝi partianoj de tiuj ideoj kaj samtempe inter la hebreoj aperis la deziro havi propran ŝtaton, kio realiĝis en la nuna Izraelo.

Ĉu Zamenhof fiaskis ideologie? Se de tiam, 1905, Eŭropo kaj la mondo estus vivintaj pacan epokon, propre oni povus diri, ke la ideoj de Zamenhof estis ekstertempaj. Sed de tiam okazis du mondmilitoj kaj nuntempe ankoraŭ estas etnaj luktoj, kiuj generas partikularajn militojn, kiel la Jugoslavia kaj tiu de Izraelo kaj Palestino.

La ideoj de Zamenhof ne radikis, ne nur en la kleraj medioj, sed ankaŭ ne en la ordinara publiko kaj eĉ ne en la esperantistoj. Tio estas faktoj kaj la faktoj restas faktoj per si mem. La pasintaĵo estas pasintaĵo. Se du mondmilitoj mortigis milionojn da homoj kaj faris imponajn detruojn, ĉio jam estas rekonstruita. Kio nuntempe interesas estas la es-

tonteco. Tria mondmilito ĉi-foje malaperigos la homaron. Krome, en tiu ĉi momento de la historio, la unuiĝo de la homaro estas nepre necesa kaj aldone ebla.

Francio kaj Germanio militadis dufoje en tiu ĉi jarcento, sed nun kunlaboras. Se la sama teniĝo povus okazi en 1914 eble povus esti evititaj la du tutmondaj militoj.

Ŝajnas, ke la homoj post tiu tragika historio jam devis ŝanĝi siajn pensmanierojn, sed ne tiel okazis. La tuta vivmaniero ŝanĝiĝis, sed la pensmaniero ne, kaj en tio gravas la rolo de la esperantismo. Se ĝi ĝis nun ne estis komprenata, jam alvenis la tempo de la aktualeco de la esperan-tismo.

Tiel same kiel la eksmalamikoj Francio kaj Germanio klopodas por la eŭropa unuiĝo, alvenis la tempo por impulsi la homarunuiĝon.

La historio ne estas statika, ĉio evoluas, sed ofte hazarde tragike. La socia evoluo devas esti racie impulsata en humanan direkton kaj per la plej efika rimedo, la ŝanĝo de la pensmaniero.

Ĝis nun la penso de Zamenhof pri la unuiĝo de la homaro ne trovis eĥon en la socio kaj eĉ en la esperantistoj mem. Nuntempe jam alvenas la aktualeco de la esperantismo. La unuiĝo de la homaro jam restis esti idealo por fariĝi nepra neceso. Antaŭ tiuj gravaj cirkonstancoj neniu movado entreprenas tiun taskon, kiu malfacile estas realigebla sen la rimedo de lingvo supernacia neŭtrala de naciismoj. Tia tasko estas precize tiu de la esperantismo.

Ni, esperantistoj, ankoraŭ restas dormantaj kaj ordinare oni nur vastigas la lingvon kaj diras nenion pri ĝia signifo, kio estas plej grava. La lingvo Esperanto, sen nova mesaĝo por la homaro, ne fariĝos tutmonda kaj eĉ ne internacia helpa lingvo, ĉar tion jam rolas la angla.

La lingvo Esperanto ĝeneraliĝos alportante la novan penson, kapa-blan por impulsi la unuiĝon de la homaro kaj enkonduki pli altan etapon en la disvolviĝon de la homa historio.

## Literaturaj Konkursoj

Memoru ke vi povas partopreni en du literaturaj konkursoj: Fundación Esperanto (Boletín 324, 9 p.) kaj tiu de la Nacia Sindikato de Hispanaj Verkistoj kaj Andaluzia Esperanto-Unuiĝo (Boletín 325, 32 p).

Sukaj premioj atendas vin.

## Deziras korespondi

Ni estas tri komencantoj lernantaj Esperanton en la lernejo de Durham, nordoriente de Anglujo. Plaĉus al ni korespondi kun aliaj grupoj de E-lernantoj. Adresu vian korespondajojn al: School House, Reetesh Saras, Durham School, Durham City, England, UK.

# La eŭropa Popoldefendanto



*M.R. Urueña*

Kiel sciate, en ĉiu demokratia ŝtato funkcias institucio nomata la *popoldefendanto.*

Per la Traktato de Maastricht oni kreis en la Eŭropa Unio tiun institucion por defendi la interesojn de la eŭropaj civitanoj, kaj per la nomumo de la finna Jacob Söderman por tiu posteno, en junio 1995, la institucio ekfunkciis, kaj la oficejo laboras plensukcese.

S-ro Söderman naskiĝis en Helsinki en 1938, li estas juristo kaj katedra profesoro pri sociala juro, kaj ekde 1989 li ankaŭ estis Popol-defendanto en Finnlando.

La Popoldefendanto estas elektita de la Eŭropa Parlamento, kaj antaŭ tiu organo, li prezentas ĉiujare raporton kun informoj pri la rezultoj de ĝiaj agadoj. Same, laŭ peto de la Parlamento, la Kortumo rajtos eksigi la Popol-defendanton, kiam li ne plenumas la necesajn kondiĉojn por la posteno aŭ grave eraras. Komprenable li laboros tute sendepende, ne petante nek aceptante instrukciojn de iu ajn alia organo, kaj ne povante labori en alia profesia aktivado.

Laŭ la statistikoj liverataj de la propra Popoldefendanto, en jurnalrondo okazinta en Bruselo la pasintan 30-an de januaro, ĝis tiam la oficejo ricevis 380 reklamaciojn, kvankam la duono estis rifuzitaj pro ne taŭgeco. Laŭ la Traktato de la Eŭropa Unio (T.E.U.) la Popoldefendanto nur povas akcepti reklamaciojn aŭ plendojn rilatantajn al malbona funkciado de la komunumaj institucioj aŭ organoj, escepte de la Kortumo, kaj kondiĉe ke tiu plendo ne estu objekto de antaŭa jura proceso. Tiuj organoj de la E.U. estas la Parlamento, la Konsilio, la Komisiono, la Kontokortumo, la Ekono-mia kaj Socia Komitato, la Komitato de la regionoj kaj la Eŭropa Banko por investoj. Kompreneble, misfunkciado aŭ malbona agado signifas administrajn neagadojn, diskriminacion, nenormalajn prokrastojn, ktp.

De la 298 reklamacioj alvenintaj ĝis la 31-a de decembro 1995, la Popoldefendanto studis jam 131, kaj laŭ geografia deveno, elstaras Hispanio, kun 13,5%, kio signifas la trian lokon, ĝuste post Britio kaj Germanio.

Kelkaj ekzemploj de la reklamacioj akceptataj de la Popoldefendanto estas plendoj kontraŭ la Komisiono pro ne bona esplorado de la neĝusta aga- do de la brita registaro pri medioŝirmado, aŭ tiu de civitano kiu konsideras ke oni koncesias staĝojn en la eŭropaj institucioj pli laŭ amikaj kontaktoj de la kandidatoj ol laŭ iliaj kapabloj.

Reklamacii ne estas malfacile. Iu ajn

fizika aŭ jura persono, loĝanta ene de la Eŭropa Unio povas prezenti reklamaciojn antaŭ la Popoldefendanto plenigante reklamacifolion. La adreso estas: Eŭropa Popoldefendanto; 1, av. du Président R. Schuman. B.P. 403; F-Strasburgo. Cedex. Francio.

# Recenzoj

## La verda Donkiĥoto

*Antonio Marco Botella*

La 30an de pasinta monato majo, en salonego de "Ŝparkaso" de la Murcia ĉefurbo oni prezentis novan libron titolitan *La Malnova Arbo* (El viejo arbol) verkitan de la Murcia ĵurnalisto Enrique Morales.

La verko, en la hispana lingvo, priskribas la biografion de unu el tiuj memorindaj idealistoj, kiuj viglis je la komenco de tiu ĉi jarcento kaj kies homecon oni povis mezuri per tiuj neatingeblaj idealismoj difinitaj per la profiloj de amo al homo kaj al la naturo. En tiu ĉi kazo ni aludas la murcianon Don Ricardo Codorniú y Stárico.

Don Ricardo estis montinĝeniero naskiĝinta en Cartagena en 1846, unu el tiuj homoj kiuj sendube tre ofte en siaj revoj multfoje imagis, ke la antikva diro



pri la arbaro kaj vegetaĵaro kiuj kovris la teron de nia praHis-panio estis tiel densa, ke sciuro saltanta de unu al alia branĉo perfekte povis trairi de Gibraltaro ĝis Pireneoj ne tuŝante eĉ unu centimetron da tero, ne nur estis vero sed eĉ en kazo kontraŭa meritis esti tia. Ho, jes! La antikva Hispania, unu kaj alia foje, ĉiam aperas antaŭ la Legendo sub la verdo viva de admi-rindaj ĝardenoj: la mirindaj ĝardenoj de Hesperioj…

Sed Don Ricardo neniel estis unu el tiuj revemuloj kiuj rezignis pasive revi kaj vivadi nur sub la signo de la espero, sed li estis ankaŭ homo pragmata, kiu tute ne volis perdi la sencon de la realo. Certan tagon li legis sur la ĵurnaloj, ke certa hispano nomata Sotos Ochando prezentis projekton pri lingvo internacia en Parizo en la jaro 1865 sub la nomo "Proyecto y Ensayo de una lengua universal y filosófica". La prezento ricevis kontentigan akcepton en la franca ĉefur-

bo, kaj Don Ricardo, ĉar tio plene koincidis kun unu el liaj idealoj, forte influis inter la Madridaj intelektuloj por ke la projekto ankaŭ estu akceptita en la hispana ĉefurbo. La temo atingis ĝis la Hispana Parlamento kaj la plej brilaj hispanaj parlamentanoj balotis ekonomian helpon por tiu lingvoprojekto... sed post ne longe la projekto fiaskis en Parizo kaj en Madrido. Tamen, la ideo pri lingvo internacia neniam plu malaperis el la menso de nia eminenta homo.

Don Ricardo ne perdis la kuraĝon post la fiasko de tiu idealo celanta la interkomprenon de homoj, kaj baldaŭ albordis la problemon pri alia el siaj idealoj: la arbarigon de montaro kaj ampleksaj terenoj ne tro malproksimaj de Murcio: profitante do la akvojn de rivereto Guadalentin kaj kelkajn arbarajn rojojn, planis la arbarigon de tuta regiono, estonta pulmo de ampleksa zono: plantis pinojn, migdalarbojn kaj pli poste fruktarbojn kaj faris el montaro Espuña belan, allogan lokon. Sed lia tasko estis ne nur planti, sed instrui la homon respekti, ami la arbon. Preskaŭ unu jarcenton antaŭ ol en Eŭropo naskiĝis la ekologio, Ricardo Codorniú jam predikis ĝin en Hispanio.

La titolo "La Malnova Arbo" ne nur estas adekvata kaj difinoplena de libro reprezentanta la spiriton de s-ro Ricardo Codorniú, sed devus esti memoraĵo neforgesebla por ĉiuj hispanoj kore amantaj la naturon, la modernan ekologion...

En 1889, la bibliotekisto de la Hispana Senato en Madrido, s-ro Joaquin de Arce y Bodega, adresis leteron al iu polo nomata Luis Lázaro Zamenhof, respondante lian alvokon por lernado de lingvo internacia de li ĵus kreita. Zamenhof sendis tri ekzemplerojn de tiu nova inventita internacia gramatiko al la hispana bibliotekisto: unu el ili estis transdonita al malaga instruisto José Rodríguez Huertas, alia iris al la manoj de D.Ricardo Codor-niú (tiu s-ro kiu tiom influis por propagandi la universalan lingvon de Sotos Ochando) kaj la lastan ekzempleron li gardis por si mem.

De tiu momento, Ricardo Codorniú okupis unu el la plej elstaraj lokoj de la Esperanta Movado en la mondo: Li fondis Esperanto-Grupojn en Murciaj urboj, esperanto-gazetojn je nivelo loka, regiona kaj nacia. Li estis la unua prezidanto de la *Hispana Societo por la Propagando de Esperanto* (Sociedad Española por la Propagando del Esperanto), prezidis kun Zamen-hof mem la Unuan Universalan Kongreson de Esperanto okazinta en 1905 en Boulogne-sur-Mer, kaj eĉ influis antaŭ la hispana reĝo Alfonso la 13a por honorigi la inventinton de Esperanto d-ron Zamenhof per la Ordeno de Izabela la Katolika.

Don Ricardo Codorniú, batalanta en la avangarda modernismo por la Homo kaj por la Arbo, tra tiu duobla vojo de amo kaj respekto al la ekologio kaj al la disvastigo de lingvo internacia inter la homoj, fariĝis vera

Donkiĥoto, inda de la plej granda respekto de nia popolo...

Sed la tempo forpasas kaj ĉion oni forgesas, eĉ al la plej kuraĝaj kaj gloraj Donkiĥotoj, en tiu ĉi kazo unu el la unuaj verdaj Donkiĥotoj de nia E-Movado.

Fine, je la pasinta monato julio, venis la 150a datreveno de la naskiĝo de tiu granda figuro nomata Ricardo Codorniú, apostolo de la Arbo kaj de la Homo. Ĵurnalisto, unu el tiuj homoj kiuj vivas kaj registras sur paĝoj de la historio niajn viverojn, firme decidis ne plu lasi eĉ ne unu solan plian horon ne proklamante al la tuta Hispanio kaj al la tuta mondo la karakteron de tiu granda homo naskiĝinta antaŭ 150 jaroj en Murcio...

Ekde tiu ĉi momento, ĉiu scivolulo kiu deziras legi la biografion de Ricardo Codorniú y Stárico povas tion fari legante la paĝojn de s-ro Enrique Morales en tiu nova libro ĵus prezentita sub la titolo *La Malnova Arbo* (El Viejo Arbol), fakte unu el la vivoj plej brilaj dediĉitaj al la HOMO kaj al la ARBO.

Dankon, s-ro Morales por via libro! Dankon!







# Eŭropa kalendaro

*Ana MANERO*

Ĵus aperis nova eldono de Eŭropa kalendaro (1997/1998). Temas pri A4-formata 106-paĝa libro, krom tagojn kaj semajnojn, priskribon de ĉiu lando de la Eŭropa Unio kaj elementan frazaron en ties dek-tri oficialaj lingvoj plus la latina kaj Esperanto (ĉi tie nomata la Internacia Lingvo de D-ro Esperanto, mallonge ILO).

Eŭropa Klubo aperigis la unuan Eŭropan Kalendaron 1977 kiel aldonan instruilon de la Lingvo-Orientiga Instruado (LOI) por element-lernejanoj.

Ĝis 1985 ĝi eldonadis la kalendaron, kiu krom instigi la lernantojn, samtempe propagis la neŭtralan lingvopolitikon en Eŭropo, prezentante sur dorsaj flankoj la landojn de la Eŭropa Komunumo. La latina estis aldonita kiel alia ekzemplo de neŭtrala lingvo.

Celante plu instigi la lernadon de Esperanto, prezenti la diversajn membrolandojn en eŭropa kadro kaj kontribui al la neŭtrala lingvopolitiko, Eŭropa Klubo planis reeldoni la kalendaron por la jaroj 1997/1998. Tial HEF, atentante ĝian peton, sendis sian kunlaboron konsistantan el traduko de pluraj esprimoj en la hispanan kaj aktualigita prezentado de nia lando en la hispana kaj en Esperanto. Pro tiu kunlaboro, la biblioteko de HEF en Madrid ricevis donacan

ekzempleron.

La nuna eldono de la kalendaro estas komplete refarita surbaze de la nova lernolibro de E. Formaggio, "Ludu kun ni". Samtempe ĉiu landopri-skribo estas krom en la landa kaj internacia lingvoj nun ankaŭ en la latina. Krome, i.a., ĝi enhavas artikolojn pri eŭropa lingvopolitiko kaj organizoj kiel la Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS) San Marino kaj Eŭropa Klubo kadre de ĝi.

La prezo de la kalendaro estas 10 DEM plus sendokostoj kaj ĝi mendeblas de: Dr Vera Barandovska-Frank (Kleinenberger Weg 16, DE-33100 Paderborn, tel. +49-5251-163522).



# Omaĝe al




Ni tutkore dankas al kelkaj veteranaj gesamideanoj kiuj adresis al ni gratulajn simpatiajn leterojn okaze de nia iniciato reprodukti beletrajn pecojn de la navara forpasinta esperantistino Amalia Núñez Dubús. Ni devas klarigi, ke ni ne elektas ilin, sed tute simple ni celas nur reprodukti parton el ŝia interesa verkado.

Hodiaŭ ni prezentas al niaj gelegantoj poemon verkitan en la tridekaj jaroj:

**Vintro kaj Somero**

Fremdlande estis ja mi
kaj estis vintra vetero:
mi tiam estis kun vi,
ho, kia bela somero!
Veter' nebula, malgaja,
la ter' sen frukto kaj flor';
sed kia bela kaj gaja
vetero estis en kor'!

Rapide pasis la jaroj,
nun estas gaja somer',
nun ridas verdaj kamparoj;
sed vi ne estas sur Ter'!
Ĉu en vintro aŭ somero
ne sidus ĝojo nek dolor'
en floroj aŭ sur la Tero:
ili sidas nur en kor'!

Amalia Núñez **Dubús**

## El Vaska Folkloro

## LA DEVENO DE LA VINBERUJO

Pravasko kuŝis iam sur herbejo dum printempa posttagmezo. Li ekdormis, kiam subite akra pikvundo en la orelo lin revekis.

Li ne koleris -vasko ja estas pacienca kaj pacema homo-sed li scivole serĉis la kaŭzon de sia ĝeno; ĝi estis ŝajne seka branĉeto. Li tamen deziris ĝin konservi, kaj vidinte birdvoston, li metis tien la branĉeton kaj ekiris al sia hejmo.

Voje, li trovis leonoston, kaj pensante ke la branĉeto estus pli bone ŝirmita, li metis la birdan oston, entenantan la

brančeton, interne de la leona osto.

Li daŭrigis sian vojiron kaj trovis azenan oston, li pensis, ke la branĉo estus ankoraŭ pli bone ŝirmata kaj metis en la azenan oston, la leonan oston entenantan la birdan oston, ĝiavice entenantan la brančeton.

La tri ostoj konservis sukon kaj fluidaĵojn, kaj alveninte hejmen, la vasko trovis ke la branĉeto jam burĝonis. Li ĝin plantis kaj zorgis, kaj aŭtune li rikoltis la unuajn vinberojn, el kiuj li faris la unuan vinon.

El tiu vinberujo, nutrita de birda, leona kaj azena ostoj devenas ĉiuj vinberujoj.

Tial la homo drinkinta ĝian sukon, unue kantas kiel birdo, due batalas kiel leono kaj fine brutiĝas kiel azeno.

A.N.D.

# Kunlaboru kaj... gajnu monon!!!

Se vi partoprenas E-aranĝon kaj faras fotojn, vi povas sendi la plej bonajn al la redakcio de HEF. Por ĉiu publikigita foto, la redakcio rekonpencos vin per kupono de 300 pesetoj por aĉetado de varoj ĉe la libroservo de HEF.

Kaj, se vi tion deziras, vi povos rehavi la foton, ĉar la redakcio resendos ĝin al vi tuj post ĝia utiligo!

Memoru ke la fotoj devas esti klaraj, interesaj, kaj bone enfokusigitaj. Nu, kuraĝon kaj... ek al la laboro!

# Forpasis

## Ada Fighiera Sirkoska

La novaĵo vere skuis la esperantan komunumon: la 7an de aŭgusto forpasis en hospitalo de Torino (Italio) nia karmemora amikino kaj samideanino Ada Fighiera Sirkoska.

La morto renkontis ŝin laboranta super la kongres-numeron de Heroldo. Tiel brava ŝi estis!

La flago de Esperanto kune kun tiu de Pollando,kovris ŝian ĉerkon.

Nian sinceran kondolecon al ŝia edzo Ĝian Karlo Fighiera.

## Adonis González Meana

La 4an de aŭgusto forpasis en Gijon, post longa kaj insida malsano, nia kara kaj neforgesebla samideano Adonis González Meana.

Nian sinceran kondolencon al lia edzino Angelita Vega, kaj al lia frato kaj samideano Alcibiades González.



